FEN X
ESPERANTO NEDERLAND

*Forumo de Esperanto Nederland*

**www.esperanto-nederland.nl**

Dumonata membrogazeto de *Esperanto Nederland.*
ISSN 1384-6515
Membroj de *Esperanto Nederland* ricevas la gazeton; ĝi estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 15.-
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:** <redakcio@esperanto-nederland.nl>
H. Bakker, Kastelenstraat 231II, 1082 EG Amsterdam, tel./fakso 020-64 21 853 <hansbakker@raketnet.nl>.
J.K. Hammer, Taxusstraat 7, 1505 AA Zaandam, tel. 075-616 69 31, <ko.hammer@planet.nl>.

**Esperanto Publike:**
Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe redaktoro Hans Bakker, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme, Albert 1 straat 44, BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:**
Julia De Coster, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**

**Prezidanto**
Gerrit Berveling, Kalverstraat 8-B, 8011 LH Zwolle.
Tel.: 038-4237003
Retadreso: <gerrit.en.madzy@planet.nl>.

**Sekretario**
PROVIZORE vi uzu la adreson de Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen. Tel.: 050-57 18 842.
Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Membro-Administranto:**
Remment Balk, Egeïschestraat 42, 8303 EN Emmeloord. Tel. 0527-23 93 78 // <membroj@esperanto-nederland.nl>.

**Kasisto:** Els ten Hagen-Renses, Middenweg 587, 1704 BH Heerhugowaard. Tel. 072-571 79 18, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.
Bankkonto: 78 68 44 167 nome de ESPERANTO NEDERLAND; UEA-konto: esne-h

**Informado/informmaterialo:** Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen. Tel. kaj fakso: 050-57 18 842. Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Instrua Servo:** Luit Staghouwer, Julianalaan 25, 9781 ED Bedum. Tel.050-301 40 15, <luitstaghouwer@home.nl>.

**Studie-weekeinde:**
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder, Tel: 0223-643781.

## DATOLIMO:

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la fino de novembro. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## ENHAVO



## PRI PAĜO 1

Gerrit Berveling, prezidanto de ESPERANTO NEDERLAND, gratulas la novan profesoron Wim Jansen.

## DE LA REDAKCIO

Ni prezentas al vi ĉi tiun numeron de Fen-X. De pluraj flankoj ni ricevis materialon, kiu ĉifoje bezonis specialan atenton. Kelkfoje la teksto estis tro longa, alifoje ne kompleta. Eĉ venis kelkaj partoj kiuj fakte estis duoblaĵoj... Tial mi ofte aplikis tion, kion mia komputilo nomas: “tondi” kaj “glui”....

La inaŭgura prelego de Wim Jansen ne nur estis solena evento, sed ankaŭ festa rekontiĝo de amikoj. Mi esperas ke Rob Moerbeek sukcesis montri tion al vi.

Bicingini Apasa Joseph, al kiu multaj el vi donis financan helpon, nun rekompencas nin per detala raporto pri la Universala Kongreso, kiu brilas pro lia feliĉo kaj ĝojo kaj montras ke li aktive kaj utile deĵoris por la Afrika komisiono de UEA. El lia raporto ni uzis plurajn fragmentojn...

Mi esperas ke la rezulto kontentigas ĉiun. Se ne: mi kulpas... Koran dankon al ĉiu, kiu kunlaboris!

Por eviti malagrablaĵon ĉe la sendado kaj posta presado mi evitis ĉiujn specialajn literojn kiuj ne estas kutimaj en Okcident-Eŭropo - ekzemple en Pollando la nomoj Lodz kaj Bialystok aspektas alie...

Aldone mi volas atentigi pri la ferma tago por ensendi artikolojn, invito al kunveno kiu okazas samtempe aŭ eĉ antaŭ la aperdato de nia revuo ne tre utilas...

## NASKIĜIS: JANA DARINA

Belan karton ni ricevis, kiu en tri lingvoj sciigis ke Jana Darina komencis sian grandan mondvojaĝon. Ŝi estas la filineto de Ilja kaj Julia De Coster-Litvinova, kaj ŝi naskiĝis la 25-an de aŭgusto 2009.

Tutkore ni gratulas la gepatrojn, kaj speciale Julia, kiu estas la teknika redaktorino de nia revuo. Al Jana ni deziris bonan vojaĝon tra la vivo.

## LA ANTAŬA NUMERO

Pro la naskiĝo de sia filino Julia De Coster ne povis prizorgi la enpaĝigon de la pasinta numero, kaj ankaŭ nun ne jam rekomencis sian laboron.

Pro tio la antaŭa numero ne aspektis tiel, kiel ni ĝin deziris, kaj bedaŭrinde multaj zorge elektitaj bildoj mankis... Ne gravas, la anstataŭa kunlaboranto faris sian eblon. Tiun ĉi numeron bonvolis redakti Julia, dum la dormhoroj de Jana. Dankon al ambaŭ!

## MEMBROKUNVENO 2010

La jarkunveno de ESPERANTO NEDERLAND okazos sabaton la 29-an de majo en la kunvenejo Vredenburg en Utrecht. La tagordo konsistas el la ĝeneralaj punktoj: sekretaria kaj financaj jarraportoj 2009, elektoj por la estraro kaj la diversaj komisionoj, propono de la estraro kaj/aŭ de la membroj kaj aliaj laŭstatutaĵoj.

## MEDIATA PREMIO VERLOREN VAN THEMAAT

Ĉu vi konas iun kiu multe reklamas la internacian lingvon aŭ pri la lingva problemo en la mondo, aŭ kiu en 2009 prizorgis bonan kontribuon pri Esperanto aŭ la lingva problemo en regiona aŭ landa mediato?
Ĉu vi opinias ke tiu persono meritas gajni la premion Verloren van Themaat?
Sendu vian proponon, kun - se eble - kopioj de la koncernaj artikoloj kaj la nomo de la kandidato al la sekretaria adreso de la asocio, antaŭ la 15-a de januaro 2010.
Detalojn vi trovas en la interna regularo, (huishoudelijk reglement), art. 26.
Ĵurio prijuĝas la ensenditan materialon kaj anoncas la rezulton en la jarkuno, kiu okazos la 29-an de majo 2010.

## NGGE-STUDOTAGO

En sabato la 17-a de oktobro 2009 okazos en la Centra Oficejo de UEA, la tradicia NGGE-Studotago. Tiam la ambasadorino de Kubo kaj respondeculo pri Edukaj Aferoj parolos pri la edukada sistemo en Kubo. Plie, Ana Montesinos de Gomis, konata esperantistino el Britio, prezentos ludojn kaj ludilojn por lerni pri la E-kulturo. Nia lasta programero estos telekonferenco kun reprezentanto de nia ĝemela ILEI-Sekcio en Kubo kaj ILEI-estrarano Julián Hernández Angulo. Li parolos pri la stato de la instruado en la lando de la venontjaraj gravaj eventoj, kiaj estas UK, IJK kaj ILEI-Konferenco, kaj fine de lia parolado eblos ankaŭ starigi demandojn al li. La programo estos kompletigita per la kutima ero 'Lingvaj demandoj' gvidata de Rob Moerbeek.
La C.O. estas atingebla de la Centra Stacidomo per la tramlinio 4 direkte al Schiedam, haltejo Schravendijkwal. (1 zono). Akcepto kun kafo/teo je la 10:30. Komenco je la 11:00.
La aliĝkotizo estas EUR 5,00, kiuj estas surloke pageblaj. Ĉiel estas rekomendinde sin anonci al la adreso de la kasisto Julija Batrakova, <persiko@mail.ru>
Atilio Orellana Rojas, Postbus 10 600,
2501HP Den Haag. Tel. 070-3556677

## MALFERMA TAGO UEA.

Sabato la 28-a de novembro.
Temo: Honore al Ivo Lapenna.

**– Prelego en Nijmegen – Lezing in Nijmegen –**

Invito al Zamenhoftaga prelego en Nijmegen, merkredon la 16-an de decembro. Petro Buijnsters, prezidanto de la Esperantoklubo Nimego invitas esperantistojn kaj ne-esperantistojn per tiu ĉi anonco:
"Vat ge?" Als we een gemeenschappelijke taal spreken, begrijpen we elkaar dan ook? Ook dan zijn misverstanden niet uitgesloten, zegt de heer Crijns, docent bedrijfscommunicatie van de Radboud-Universiteit Nijmegen. Op 16 december a.s. zal hij in het kader van de Zamenhof-herdenking spreken (in het Nederlands) over De rol van cultuur en opvoeding in de communicatie. Een belangrijk (en duur!) fenomeen (met name in de EU): het verschil tussen vertalen en interpreteren! Woensdag 16 december om 20 uur in Wijkcentrum, Daalsehof 2, 6521 GT Nijmegen. Toegang gratis, zowel voor Esperantisten als niet-Esperantisten. Inlichtingen: tel. 024-3580320 (Kees Ruig) of tel. 024-3656815 (Piet Buijnsters), Esperantoclub-Nijmegen, <pbuyn@planet.nl >.

## ZAMENHOF-TAGO EN HAGO

Sabaton, la 12-an de decembro 2009 okazos en Andreo-Cseh-Dorno, Hago, la Zamenhof-festo.
Ni akceptos partoprenantojn inter la 10-a kaj 10.30-a horo. Post tio la prezentado de s-ino Katinjo Fetes, kunlaboranto de la Viena radio, kiu prizorgis longe la Esperantajn elsendojn kaj estras nun tie aliajn taskojn. Ŝi estas denaska esperantistino kun modela prononcado. Katinjo prelegos dum horeto pri la temo "Vizite ĉe Baghy kaj Kalocsay", kiujn ambaŭ poetojn ŝi intime konis. Lunĉo eksterdome kaj posttagmeze kelkaj samideanoj aranĝos malpezajn programerojn. Fino ĉirkaŭ la 17.00 horo.
La aliĝkostoj de 32 eŭroj estu pagitaj ĝis la 1-a de decembro je la konto 162626 de Internacia Esperanto-Instituto, Hago. Informojn donas Atilio, adreso ĉi-supre. Maksimuma nombro 25.

Ed Borsboom

## VIA FINANCA SUBTENO ESTAS BEZONATA



La 19-an kaj 20-an de decembro 2009 okazos en Buenos Aires la Zamenhof-Tago kaj 1-taga trejnkurso por instruistoj de Argentino kaj Urugvajo. Mi volonte akceptis la taskon esti kaj la festparolanto en la Z-Tago kaj gvidi la Seminarion. Senpage mi helpos, sed ili bezonos studmaterialon kaj tion mi ne povos donaci al ili. Por kovri la kostojn de tiaj instrumaterialoj EUR 350 estas necesaj.
Ĉu eblos al vi helpi por tiu celo? Tio povus esti via donaco por subteni la evoluigon de Esperanto kaj nia Movado en alia mondoparto.
Donaco de ia ajn sumo estas ĉiam bonvena kaj kore akceptata. Vi povas sendi la monon rekte al mia UEA-konto orra-u kun la indiko 'Seminario en Argentino', kun samtempa sciigo al mi.
Kun koraj salutoj, Atilio Orellana Rojas, Adreso ĉi-supre.

## JUBILEOJ...

Ĝis nun, homoj kiuj dum 50 jaroj estas membroj de nederlanda Esperanto-organizo, ricevis gratul-dokumenton. En la ĝenerala kunveno de 2008 oni akceptis proponon sendi tian diplomon jam post 25 jaroj. Tamen ĉe la iamaj organizoj LEEN kaj NEA oni ne kutimis noti la daton de la aliĝo, kaj ankaŭ en la administrado de la iama FLE ĝi kelkfoje mankas. TIAL: se vi opinias ke vi erare ĝis nun ne ricevis tiun dokumenton, aŭ se vi jam antaŭ pli ol 25 jaroj iĝis membro de LEEN kaj NEA, vi bonvolu atentigi pri tio Ans Bakker-Ten Hagen, je la adreso de nia redaktoro.

## ESPERANTO PUBLIKE

Ŝajnas ke nova skribanto aperis, kiu sukcesis lasi siajn spurojn jam en pluraj gazetoj. Temas pri Douwe Beerda, la nuna prezidanto de NEJ. Kompleta raporto estas trovebla per

<www.esperanto-jongeren.nl/index.php?m=52>.

La 1-an de septembro 2009 li publikigis artikolon en la retpaĝo <gaysite.nl> kun la titolo "Esperanto een buitengewoon holebi vriendelijke taal" (Esperanto lingvo tre akceptema por gejoj). Ankaŭ la papera luksa revuo "Onkruid" <www.onkruid.nl> publikigis artikolon sur ne malpli ol 6 paĝoj. Vidu la numeron de julio/aŭgusto, no.190. Ĝi estas ankaŭ trovebla en la reto sub la titolo "Esperanto vivas". La ĵurnalisto la 16-an de aprilo vizitis kunvenon de la Harlema sekcio de ESPERANTO NEDERLAND, intervjuis Jo van Hulst, Atilio Orellana Rojas, Wim Jansen kaj Douwe Beerda. La frontpaĝon ornamas gaja kolora ilustraĵo.

Douwe mem verkis artikolon por Nederlands Dagblad de la 8-a de aŭgusto pri Esperanto en Eŭropo. "Na de euro is het tijd voor Esperanto" estas la titolo de lia kvaronpaĝa artikolo, kiu pledas por la sola racia solvo de la lingva problemo en Eŭropo.

Edwin Burg sekvis la rekomendon de Joke Hoobroeckx atentigi la nederlandajn gazetojn pri la jubilea naskiĝdato de Zamenhof kaj pri la Universala Kongreso en Bialystok. Li proponis artikoleton al De Wassenaarse Krant, kiu presis ĝin la 28-an de julio kun granda titolo "Esperanto viert feest". Tre bona sukceso!

La filatelista gazeto Filatelie en novembro 2008 anoncis la novaperon de la poŝtmarko pro la 93-a UK. Nun en sia marta numero (p.222) ĝi informis ke tiu poŝtmarko estas jam ne plu aĉetebla, sed nun naskiĝis alia poŝtmarko: tiu pro la 100-jariĝo de UEA.

Ans Heijstra intervenis en Noordhollands Dagblad 30-05-2009 anoncante la poŝtmarkon pri la zamenhofa 150-a naskiĝdatreveno. Ans ankaŭ publikigis en De Geestmolen, aŭg. 2009, la jenan poemon sub la titolo "Esperanto proeflesje":

"Tago is dag" en "pano" is brood,
"Vivo" is leven en "morto" is dood.
"La" is het lidwoord voor ieder geslacht;
"Vespero" is avond en "nokto" is nacht....
.kaj tiel plu, ĝis la fino:
In een oogwenk veertig woorden te leren,
Dat moet u in een andere taal eens proberen! Dus de eenvoud van ESPERANTO: u kent haar nu.
Deze taal verder te leren is nu aan u!

Hans Bakker

## FELIX KAT, 1928 - 2009.

La 1-an de septembro mortis en Leeuwarden Felix Hendrik Kat, en la urbo kie li naskiĝis la 11-an de januaro 1928. Li esperantistiĝis ĉ. 1934 pro kurso en la radio, kun patro kaj frato. Kune ili sukcesis en ekzameno por la diplomo A. Ekde tiam Esperanto "regis" la familion. La patrino poiome lernis, dum la tagmanĝo ĉiuj devis paroli Esperanton. Kiu ne konis la vorton por "andijvie" ne ricevis endivion! Ankaŭ la alia frato lernis Esperanton kaj Felix komencis tion per bildvortaro. Felix longe loĝis en Beekbergen, kie li estis delegito de UEA.

La unua kontakto kun danaj esperantistoj okazis kiam Felix estis 8-jara. La familio Kat ofte vizitis la popolan altlernejon de Ry, apud Silkeborg.

Post 1945 denove eblis aktivi pri Esperanto; Felix kaj Tammo Kanter, kiu kelkajn jarojn estis prezidanto de TJO (Tutmonda Junulara Organizo, poste TEJO) volis ke Leeuwarden havu lokan E-klubon kun amuzaj kunvenoj, oni nomis ĝin Ekstazo. Ekstazo havis koncertgrupon de ses personoj; Felix mallonge ludis akordionon en ĝi. La klubo ankaŭ havis teatran grupon kiu ludis skeĉojn kiujn verkis Felix, ofte laŭ ideoj el la rakontoj de Simon Carmiggelt. Al la prezentado ofte venis cent Esperantistoj.

Felix estis helpa sekretario de TJO, verkis artikolojn por La burĝono, porinfana revuo. En 1962 Felix renkontis Betty, kaj ŝi devis promesi al lia patro ke ŝi lernos Esperanton se ŝi volas edziniĝi.

En 1970 Felix kaj Betty vizitis peraŭtomobile E-geamikojn en Bulgario. Ili gastis ĉe S-ro Dimov, advokato. Ili regule vizitis Usonon, kaj s-ro Dimov ĉiam scivolis pri iliaj travivaĵoj tie. Nur unu fojon li ricevis permeson iri tien, Felix kaj Betsy tiam pagis abonon al la Greyhound-buslinioj, per kiu S-ro Dimov zigzage traveturis la landon. Poste la registaro eksigis lin kiel advokaton kaj li eĉ ne rajtis forlasi sian domon. Li mortis pro tio ke li ne povis elteni tian maljustaĵon. Felix kaj Betty vigle korespondas kun la filo de Dimov kaj ties edzino. Ili interŝanĝe vizitis unu la aliajn kaj finance subtenis la sukcesplenan studon de ilia filo – do la nepo de la advokato – en Usono.

La kremacio okazis la 5-an de septembro en Goutum.

A.S-B. / JKH.

## KEES BAKKUM, 1935 - 2009

La 16-an de aŭgusto forpasis en la alkmara 'Hospice' nia amiko Kees Bakkum pro mallonga agresiva kancero. Kees antaŭe neniam malsaniĝis. Li loĝis dum preskaŭ sia tuta vivo en Egmond aan Zee, escepte dum la mondmilitperiodo. Liaj gepatroj forpasis junaj. La ses infanoj Bakkum devis travivi sen gepatroj. Kees fariĝis frizisto en Egmond aan Zee. Dum kelka tempo ankaŭ Gerrit Dekker, lia partnero, kunlaboris en la frizejo.

Poste ili decidis studi por la diplomo 'flegisto B' kaj kune laboris en la alkmara Elisabeth-Hospitalo, nun: 'Medisch Centrum Alkmaar'. Kees havis du hobiojn, kiuj estis Esperanto kaj radioamatoro (li estis licencposedanto). Li havis radiokontaktojn kaj korespondami-kojn en la tuta mondo, ankaŭ per Esperanto. Li estis specialisto en teknikaj aferoj kaj volonte helpis ĉiujn kiuj havis problemojn ekzemple ĉe la komputilo, radio, k.t.p.

Li kaj Gerrit kantis en la koruso de la reformita preĝejo dum dek-du jaroj. Antaŭ unu monato ni ankoraŭ vizitis lin kaj ili pripensis aĉeti novan aŭtomobilon. Tiu ĉi jaro Kees estus 25-jara membro de ESPERANTO NEDERLAND kaj de la Esperanta Asocio Alkmaar. La adiaŭkunveno en la kremaciejo en Schagen komenciĝis per 'Eine kleine Nachtmusik' de Mozart.

Sinjorino karakterizis la vivon de Kees: “Tagon kaj nokton li helpis malsanulojn kaj ĉiujn kiuj bezonis lian helpon”. La reformita pastorino, la malnovkatolika paroĥestro kaj servisto kondukis la servon. La ĉeestantoj aŭskultis la muzikon ‘Morgenstimmung’ el Peer Gynt Suite de Grieg. Nevino de Kees kantis tre bele. Sinjorino deklamis poemon ‘La blanka rozo’ (De witte roos). La adiaŭkanto estis: ‘Reich mir zum Abschied nog einmal die Hände. (Donu al mi kiel adiaŭo ankoraŭ unufoje la manojn de P. Abraham.) Estis malfacilaj momentoj. Ni deziras al Gerrit kaj la familio multe da forto en tiu ĉi malfacila tempo. Ni neniam forgesos nian simpatian Esperantoamikon.

Ans Heijstra-Valkering, Heiloo

## KOOS WIEBERDINK, 1918-2009.

Vendredon la 25-an de septembro en la plenplena aŭlo de la kremaciejo Driehuis-Westerveld ni adiaŭis neordinaran homon: Koos Wieberdink. Lian vivon skizis la filo Tjeerdo, kiu poste disponigis la tekston. Ekzistas kompleta Esperanta versio, laŭpete ricevebla. Ni resumas, escepte de la frazoj dediĉitaj al Esperanto.

Koos Wieberdink naskiĝis en 1918 en Weltevreden, apud la tiama Batavia, de gepatroj, kiuj ambaŭ praktikis medicinon. Li tamen finstudis en Nederlando.

Ĉi tiu kuraĝa, absolute sincera kaj plendediĉa pioniro de malferma kor- kaj angi-operaciado dummilite savis judajn infanojn, cedis la propran pasporton al minacato. Pro tio li ricevis la Yad-Vashem-distingon en 2000, sed antaŭe jam nederlandan Bronzan Krucon pro vivdanĝera kuracado al soldatoj en Indonezio.

Kiam li kiel profesoro-kirurgo prioritatigis la pacientojn, ne povis manki konfliktoj kun kolegoj. Li demisiis sed daŭrigis sian praktikadon en Jerusalemo, Indonezio kaj Novzelando. Tamen post nelonge oni bezonis lian kapablon en Amsterdamo kaj Roterdamo. Li verkis “Malferma kor-kirurgio” kaj “Cionismo kaj Socialismo” kaj iniciatis la fondaĵon “Scienca Esplorado de Kristana Literaturo pri Judoj kaj Judismo”. (Noto de la resuminto: Unu el ĝiaj publikaĵoj, “De zaak Jezus en de Joden” de prof.Tomsen, aperis ankaŭ en Esperanto.)

Senkompromise li defendis Israelon, kio ne faciligis diskutadon. Kunestadon kun muziko aŭ diskuto li ŝategis.

Poste li komencis lerni Esperanton. Li estis konvinkita ke la vasta diskonigo de universala lingvo povas grave kontribui al la paco. Li ankaŭ engaĝis sin por la katedro pri Esperanto, kiu antaŭ nelonge efektiviĝis.

Li forpasis hejme, sendolore, la 17-an de septembro, pli-ol-90-jara. Ni aldonu: Apud la meritoj de Hans Erasmus, Edwin Burg, Marc van Oostendorp k.a. ni do enskribu en la Panteonon de la Esperanto-instruado la nomon de Koos Wieberdink.

Rob Moerbeek

P.S. La adreso por kondolencoj (nederlandlingvaj) al la vidvino: S-ino Net Wieberdink-van der Valk, Kudelstaartseweg 18a, 1433 GN AALSMEER.
retadreso: <Tjeerdo@wieberdink.nl>.

## PROF. WIM JANSEN: INAŬGURA PAROLADO

La 4-an de septembro en la aŭlo de la universitato de Amsterdamo la nova (denovembra) profesoro d-ro inĝ. Wim Jansen prezentis sian inaŭguran paroladon: “Esperanto, een taal om van te houden” (lingvo aminda). Nederlandlingve, ĉar eksteruloj – kaj kolegoj profesoroj – estis bonvenaj. Kaj vere post la prelego mi renkontis du junajn genajbarojn, studentojn pri fizioterapio kaj pri internacia juro, kiuj nun emas lerni.

La granda plimulto de la gastoj estis esperantistoj: Uwe Joachim Moritz el Germanio (apud Aĥeno, li iniciatis IKEL kun la fama “Etnismo”), Flory Witdoeckt kaj Walter van de Kieboom el Oostende kaj Anna Montesinos de Gomis el Britio, kiu interalie okupiĝas por ke kubanoj povu partopreni UK-jn. Nu, ankaŭ mia unua Centra-Oficeja direktoro Victor Sadler devenas el Britio. Lian ĉeeston mi eluzis por demandi pri mia elusonangligo de esotera teksto kaj pri la stato de lia tradukprogramo surbaze de ekzakta tekstaro. Eble li artikolos por “Scienca Revuo”. Kaj mia nuna direktoro Osmo Buller devenas el Finnlando.



*Victor Sadler kaj Osmo Buller*

Kaj mi vidis ges-rojn Bakker, (kun)redaktoron Ko Hammer, Tanja van Huis, Gerrit Berveling, la novan prezidanton de ESPERANTO NEDERLAND, la kasiston Els Ten Hagen. Kortuŝis la ĉeesto de Nel Overwater, kiu kun la rulapogilo (rollator) taksiis el Zeist, sed devis surstratiĝi en Overtoom, ĉar la ĉefurbo ne bonvenigas eksterajn taksiojn. Necesis duonhora atendado. Tiel Nederlando prizorgas helpbezonulojn. Sed Nel viglis kaj ĝuis. Ĉeestis ankaŭ Hans Erasmus, la prezidanto de “Internacia Esperanto-Instituto”, ĉefresponsulo pri la katedro de Wim. Kaj lia edzino Marjet, kiu dum jaroj servis kiel informanto pri Esperanto en la tiama ECN (Esperanto-Centro Nederlando, ĉe IEI), post Edwin Burg, kiu same ĉeestis, kiel ankaŭ la nuna prezidanto Ed Borsboom kaj kunestrarano de IEI Kees Bos.



*Edwin Burg kaj H. Oortwijn*

Ankaŭ mag. Winkel volis veni. Malgraŭ la fakto ke apudas porinvalida parkejo li decidis ke la afero tro lacigus kaj li rezignis, nur petante ke mi raportu.

La Universitato rete publikigis pri la Inaŭgura prezento, kun portreto kaj la frontpaĝo de la aperonta broŝuro.

Wim komencis ĉe la entuziasmo kiun vekis la favora mencio de Esperanto en "Serĉe al la perfekta lingvo" de la grandegulo Umberto Eco. Tamen poste la Esperanta gazetaro mutis pri li.

Sprite Wim komparis sian antaŭan specialiĝon, aviadika konstruado. Eblas projekti perfektan aviadilon kun el-kalkulita ekvilibro, tamen nur la praktiko montros ĉu ĝi taŭgas.

Wim kritikis ke lingvistoj ĝenerale ignoras Esperanton, la plej freŝan vivantan lingvon. Ĝi vere meritas pristudadon.

Li finis per deklaro de sia amo al Esperanto. Imagu, inter skeptikaj kolegoj-profesoroj. Kia kuraĝo!

Ja floras lia katedro: 17 novaj studentoj ĵus komencis, laŭ Hans Erasmus.



*profesoro Marc van Oostendorp*

Wim ne forgesis danki la profesorojn, interalie Marc van Oostendorp, kaj nature siajn edzinon, du filojn kaj filinon, kiuj lasis lin okupiĝi pri sia tro plena tagordo.

Li vere ekspluatis ĉiun sekundon ĝis la lasta de sia duonhoro, kiam jam re-alvenis la pedelino Nome de NGGE Atilio (el Argentino!) transdonis librokuponon, lastmomente interkonsentitan.

Ineke Emmelkamp kunportis por mi materialon por mia E-stando en "Beverwijk uit de Kunst" Kiom mi admiras niajn samideanojn!

Kion kritiki? Nu, mankis frandaĵoj por veganoj. Kaj la vojaĝo hejmen estis tro daŭra kaj malsekega!Tion mi kritikas! Sed mi postvivis kaj postĝuas.

Jam la postan tagon la poŝto liveris la broŝuron, eldonitan de la universitato mem kaj kun fronte la portreto de la freŝa profesoro.

Rob Moerbeek / JKH

## ESPERANTO: AMINDA LINGVO

Post la salutvortoj al la universitataj moŝtoj kaj al la ĉeestantaro la nova profesoro komencis sian prelegon substrekante ke Esperanto ne estas "la perfekta lingvo" tiel kiel ekzemple Umberto Eco titolis sian libron en 1993. Male, Zamenhof ĉiam lasis pordon malfermita por plibonigoj. Prezentinte sian lingvon en 1887 li vortumis ke la projekto de la lingvo ŝajnas al li pli-malpli taŭga. Tiun taŭgecon la preleganto volis komenti citante kelkajn ekzemplojn.

La unua ekzemplo temas pri la "tabelvortoj", alinome: la korelativoj. La kerno de tia vorto estas la litero i. La aldonaĵoj, kiuj estas strikte regulaj, donas al la vorto ĝian signifon. La tabelvortoj do ne baziĝas sur ekzistantaj lingvoj. Nur iom da simileco ekzistas kun la nederlandlingvaj vortoj waar-daar, wie-die, wat-dat, ktp. Sed ekzemple "ial" estas produkto de la sistema reguleco en Esperanto, kaj ne baziĝas sur nacilingva kopiado de "om de een of andere reden". Tamen okazis adapto de tiu strikta sistemo al la praktika uzado, kiam lingvo-uzantoj eltrovis la vorton "neniigi". La finaĵo "igi" faras transitivan verbon el substantivo aŭ adjektivo, sed "nenio" ne estas substantivo konsistanta el radiko kaj finaĵo -o. La praktika uzado de "neniigi" kaŭzis ke la tabelvortoj kio-tio-io-ĉio-nenio ricevis substantivan fraton kio-tio-io-ĉio-nenio. Simile pri kia-tia-ia-ĉia-nenia. Sed la aliaj tabelvortoj ne estis infekteblaj de tiu malreguleco.

Kiel duan ekzemplon Wim Jansen prezentis la participojn, kies finaĵoj estas anta, inta, onta, ata, ita, ota. Aktivaj kaj pasivaj participoj estas do simetriaj. La simpla aktiva verbo tamen ne havas pasivan fraton. Krom "Mi portas la valizon" ne ekzistas simpla pasiva formo kiu plenigus la lokon xxxx en "La valizo xxxx de mi". Oni devas tie uzi participon kun "estas": "estas portata" aŭ "estas portita". Kiam uzi ata kaj kiam ita? Du vidpunktoj ekzistas, verŝajne dependaj de la denaska lingvo de vidpunkthavanto. La frazo "Gisteren werd de leerstoel ingewijd" estas tradukebla per "Hieraŭ la katedro estis inaŭgurata." Tio signifas ke la inaŭgurado estis okazanta tiam. La fermo de la ceremonio ne estas esprimita de "inaŭgurata" sed la logiko diras ke tia fino ja okazis. Oni certe ne daŭrigis dum la nokto. Tiu kiu tradukas: "Hieraŭ la katedro estis inaŭgurita." male esprimas per "inaŭgurita" la finitecon de la ceremonio. Ne la tempon. Sed la logiko diras ke la ceremionio okazis (kaj havis finon) hieraŭ. Konklude, la projekto de Esperanto estas ne tute perfekta en la korelativa tabelo kaj en la verba sistemo.

Esperanto ŝanĝiĝas dum la jaroj. D-ro Jansen komparis verkaĵojn de 1903 kaj 2003 kaj konstatis novaperojn kaj ŝanĝojn de ofteco de memstaraj sufiksoj. Tiu memstariĝo estas ebla en Esperanto, sed malpli en la nederlanda. "ejo", "ebla" , "igi", "iĝi", "ino", "umi" estas ĉiutagaĵoj en Esperanto, sed en la nederlanda oni ne diras "erij" (por "ejo") aŭ "baar" (por "ebla") kvankam "bakkerij" aŭ "stomerij" uzas "erij" por "ejo". Kaj simile "bewoonbaar" aŭ "leesbaar" uzas "baar" por "ebla". La uzado de iuj memstaraj sufiksoj kreskis dum la pasinta jarcento. Sed de aliaj ne. Ekzemple: multe kreskis "iĝi" sed ne kreskis "igi".

Tio, kaj aliaj fenomenoj en la praktika uzado de Esperanto kondukas al iuj konkludoj. Esperanto ne estas ĉie perfekta, sed tio ne malhelpas ĝian taŭgecon. Ŝanĝoj okazas jen tiel, jen ĉi tiel, laŭ arbitra, nesistema maniero, kvankam ja estas evoluo en la direkto de pli mallongaj kaj facile lokeblaj vortoj. Tute ne gravas ĉu tiuj vortoj havas siajn radikojn en naciaj lingvoj. Neniu malŝato bremsas la uzadon de "eksterordinaraj", eĉ artefaritaj vortoj.

**Lingvo kun AAA-noto.**

La supraj konkludoj montras ke Esperanto tute ne estas komuna produkto de la romanaj lingvoj sed ankaŭ enhavas elementojn el ĝermanaj kaj slavaj lingvogrupoj kaj pli ol tio: artefaritajn elementojn kaj elementojn ekstereŭropajn. Tio donas al la lingvo propran karakteron. Jansen diras: Ĝi ebligas ke mi faras miajn personajn ludojn per kaj pri la lingvo, sen risko ke denaskulo riproĉas al mi ke miaj ludoj estas "laŭregule ĝustaj, sed tamen ne sonas bone en la oreloj de denaska parolanto". La lingvo kreskinta dum 122 jaroj akiris aŭtonoman karakteron en

tri aspektoj: sia struktura aspekto, sia psikologia aspekto por la individuo kaj sia politika aŭ psikologia aspekto por tuta kolektivo. Tri aŭtonomioj, trifoje la noto A. Tiu noto, triobla A, ankaŭ kongruas kun la vortoj altiriĝo kaj eĉ amo (nederlands: affiniteit en affectie). Nova lernanto rapide alkutimiĝas al la strukturo kaj sentas kuraĝon apliki la lingvon en internacia medio. Senkonscie la komunikilo fariĝas ligilo inter homoj, kaj esprimilo de internacia solidareco. Tiu kiu lernas la anglan, francan, germanan, lernas fremdajn lingvojn. Tiu kiu lernas Esperanton lernas fine duan lingvon. Jansen laboris en internacia instituto dum 25 jaroj, uzante nur la anglan kiel komunikilon. Ĝi estis laborlingvo, sed ne objekto de afekcio. Li diris: "Ĝi ne estis MIA lingvo. La itala lingvo estas mia dua familia lingvo kaj multe pli MIA lingvo. Sed ĝi restas la anima propraĵo de miaj edzino kaj bofamilio en kiu mi rajtas partopreni. Sed Esperanto estas MIA. Ĝi estas aminda lingvo. (Nederlands: Een taal om van te houden, zoals de titel van de rede ook zegt).

**Dankvortoj**


*post la prelego*

La katedro prezentas lingvosciencan instruadon de interlingvistiko kaj lingvo-instruadon de Esperanto. Esperanto estas serioza fenomeno, kreita kaj kreata de homoj. Tiu proceso meritas atenton en la lingvoscienco. La Universitato de Amsterdam evoluu al centro de scioj pri internaciaj lingvoproblemoj. Centro, kiun politikistoj kaj aŭtoritatoj ne povas neglekti por sia planado. Krom la estraro de la universitato ankaŭ multe kontribuis Stichting Esperanto bij het Onderwijs, Internacia Esperanto-Instituto, Asocio Esperanto Nederland. Kaj specialan dankon ricevu la edzino Marisa, kaj la gefiloj Remo, Johanna kaj Bernard.
Fotoj pri la solenaĵo:
http://www.ipernity.com/doc/edukado.net/album/147302.

Hans Bakker

## KUBANA PETO

Mi estas kubano kiu loĝas en la urbo Bayamo, ĉefurbo de la provinco Granmo. Mi estas la prezidanto de Granma Esperanto-Filio kaj eklernis esperanton en la jaro 1988.
Mi petas vin fari kontaktojn por interŝanĝi spertojn, sentojn, ideojn kaj praktiki la lingvon. En mia urbo estas 135 membroj. Pro tio mi esperas bonan respondon vian ĉar poste ni faros grandan ponton per la korespondado kaj ni kreos specialan amikecon inter ni aŭ aliaj esperantistoj. Ĉu vi akceptas?

Rafaelo, <esperanto@crisol.cult.cu>

## MEMBRIĜU INTERNACIE...

Esperantisto havas plurajn moralajn devojn.
Unu el tiuj: aliĝi al landa asocio. Alia devo: aliĝi en minimume unu internacia asocio. "Minimume" ĉar estas pluraj fakaj asocioj en kiuj indas membriĝi.
ESPERANTO NEDERLAND estas landa asocio de UEA. Multaj el niaj membroj estas anoj de la Univerala Esperanto-Asocio.
Ĉu vi ĝis nun neglektis tian internacian membrecon? Riparu tiun eraron!
Membro-Abonanto (MA) en Nederlando pagas € 60,-- en 2010. Tiam vi estas membro de la plej larĝe disvastigita universala asocio. Krom tio vi ricevos 11-foje jare la revuon Esperanto kaj la Jarlibron. La Jarlibro enhavas i.a. la adresojn de pli ol 1700 (fak-)delegitoj kaj la Gvidlibron, kiu gvidas vin tra la internacia Esperanto-movado.
Junuloj ĝis 30-jara (MA-T) aŭtomate membriĝas en TEJO, ricevas ĉion kion oni havigas al MA, sed ili krome estas abonanto de la revuo Kontakto kaj de TEJO Tutmonde. Ĉio ĉi sen krompago.
Membroj de UEA ricevas rabaton en la Libro-Servo. La bankokonto estas: 37 89 64, UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam.
En tiu adreso vi povas peti paperan aliĝilon. Rigardu la reton por pliaj informoj: <www.uea.org>.

Ans Bakker-ten Hagen

## UNIVERSALA KONGRESO 2009: RAPORTO DE JOSEPH BICINGINI APASA

SABATO 25 JULIO

De Lódz al Bjalistoko mi vojaĝis trajne dum pli-malpli 5 horoj. Mi alvenis en Bjalistokon komence de la posttagmezo. La kongresa informilo diris ke homoj kiuj alvenos per trajno trovos helpantojn atendantajn ĉe la stacidomo. Tio estis mia kazo. Mi eĉ bone rekonis unu el la helpantoj: knabon de Varsovio.

Buse ni iris al la kongresejo.

En la kongresejo oni akiris la kongresan sakon: blankkoloran mansakon kun sur ĝi la skriboj "Leviĝanta Bjalistoko" kaj en ĝi aro da donacoj ĉefe literaturecaj (libretoj, informiloj, mapoj, poŝt-kartoj, KD-oj). En la sako troviĝas la ege utila Kongresa Libro. Samtempe oni akiras karton, kiun oni pendigados ĉirkaŭ sia kolo. Post tio oni devis trovi precizan informon pri la loĝejo. Mi faris ĉion kaj fine trovis mian ĉambron en la studentaj domoj. Mi ankoraŭ estis sola en mia ĉambro ĝis venis post 2 tagoj samĉambrano, hispano.

Vespere mi iris en la ĉefan kongresan halon kiu estis granda tendo nomita "Salono Zamenhof". En la tendego tiuvespere okazis interesa programero: teatraĵo pri Bjalistoko en la tempo de Zamenhof.

En la koridoro estis ekspozicioj de diversaj asocioj. Tie mi renkontis genederlandanojn kiuj havis budon pri Burundo (afrika lando). Poste mi renkontis Renato Corsetti, kiu estis ĉe budo de Afrika Komisiono de UEA. Tie troviĝis do-

kumentoj kiuj prezentas informojn, planojn kaj konsilojn pri Esperanto-agado en Afriko.

Dumtempe okazadis aliaj programeroj en diversaj lokoj. Mi restis en la ekspoziciejo helpante reendomigi dise lasitajn tablojn kaj seĝojn. Post tio jam estis nokte (la 10-a horo) kaj mi devis manĝi. Mi trovis restoracion, kie mi vespermanĝadis dum la tuta restado en Bjalistoko.

DIMANĈO 26 JULIO



*la solena malfermo*

Dimanĉo estis la tago de la solena malfermo. La malfermaj ceremonioj estis la sola antaŭ-tagmeza programero, do preskaŭ ĉiuj kongresantoj ĝin partoprenis. La ceremonioj komenciĝis je la 10-a horo kaj devis finiĝi tagmeze. Mi prezentis min por saluti nome de asocio. Montriĝis ke ĉiuj homoj kiuj salutos por siaj landaj asocioj, devas sidiĝi sur la podion malantaŭ la estraranoj. Tie estis preparitaj seĝoj kun skribitaj nomoj de landoj.

Pri mi vekiĝis la demando, por kiu lando mi salutos. Sur mia kongresa karto estis la landnomo “Pollando”; mi estas naciano de Kongo kaj mi deklaris ke mi salutos por Esperanto-Asocio de Suda Afriko (EASA). Tial kvankam mi jam sidiĝis, la problemeto devis ankoraŭ trovi solvon. Finfine oni al mi prezentis du nomojn, Kongo kaj Sud-Afriko. kaj mi devis elekti (ĉar por nur unu lando iu povas saluti).

Landaj salutoj okazis je la fino de la ceremonioj. Mi salutis por sudafrikanoj laŭ la mesaĝeto kiun mi havis de ili. Mi sciigis la ĉeestantan publikon ke la Esperanto-Asocio de Sud-Afriko petas la esperantistojn kiuj vojaĝos tien okaze de la venontjara tutmonda futbal-konkurso, kontakti la asocianojn ĉar tiuj povos aranĝi ĉiĉeronadojn kaj kunvenojn esperantistajn.

La ceremonioj finiĝis per kuna kantado de La Espero. Poste estis tempo por fotado.



*kunveno de Afrika Komisiono*

Vespere je la 17-a horo okazis kunveno de Afrika Komisiono. Estris la kunvenon Renato Corsetti kaj ĝi estis ege interesa. Partoprenantoj interŝanĝis spertojn, opiniojn kaj planojn pri antaŭenigo de Esperanto en Afriko. Mi konstatis tion, ke de tempo al tempo kelkaj esperantistoj el Eŭropo iras al Afriko kaj ke ili tre bone konas kelkajn lokojn aŭ landojn tie.

Vespere mi partoprenis la programeron Nacia Vespero. Temis pri diversaj spektakloj polaj. Post tiuj spektakloj necesis nur prizorgi manĝon en restoracio kaj reveni al la studenta domo kie mi estis loĝanta.

LUNDO 27 JULIO

Post matenmanĝo mi iris en la domon kie estis la libroservo. Tie estis vendataj divers-specaj esperantaĵoj. Mi aĉetis T-ĉemizon kaj libreton pri historio de Esperanto-movado en Afriko. La T-ĉemizo havas sur sia fronto la skribojn “Lingva revolucio” kun bildo de Zamenhof similigita al Che Guevara. Montriĝis ke multaj gejunuloj ŝatas la ĉemizon. Ankaŭ al mi ĝi plaĉis.

Poste mi pasigis kelkajn horojn en loko kie troviĝis kongresa manĝejo, babilante kun kelkaj homoj.

Je la 15-a mi partoprenis senpage busekskurson. Ofertis tiun eblecon al mi Andreo de Bydgoszcz. EsperantoTur organizadis busekskursojn preskaŭ ĉiutage. Ĉi-tage ni veturis al la urbeto Suprasl. Ni vizitis belartan lernejon kiu en la pasinta tempo estis komplekso de riĉa tekstilfabrikisto. En la domo troviĝis multaj artaĵoj.

Vespere en la kongresejon alvenis nova afrikano. Li estas naciano de Benino sed loĝas en Kanado. Komprenebla necesis helpi lin ĝis li havis ĉion en ordo, t.e. almenaŭ sciis kie li ekloĝos.

MARDO 28 JULIO

Jean (la beninano-kanadano) starigis Afrikan budon. Li estas ano en la estraro de la Afrika Oficejo de UEA. Mi konstatis ke li estas tre aktiva movadano; li tre bone kaj persone konas UEA-estraranojn kaj multajn aliajn esperantistojn. Post matenmanĝo mi ĉeestis prelegon de franca profesia vojaĝisto Bruno Robineau. Tiu estas la homo kiu vojaĝis dum ok jaroj tra la mondo kaj aŭtoris interesajn librojn pri siaj spertoj. Antaŭ lia prelego mi jam renkontis lin kaj ni babiladis pri diversaj temoj. Li prelegis pri Pilgrimado al Santiago de Compostela en Hispanio kaj montris filmon.

Mi pasigis la tutan posttagmezon ĉe nia budo deĵore. Ĉe nia budo mi disdonadis informilojn al niaj vizitantoj. Ankaŭ eblis vidi bildojn, fotojn ktp. pri Afriko. Ni havis nenion vendeblan kontraŭ mono. Kelkaj libroj de afrikaj aŭtoroj havis ekzemplerojn sur nia tablo, sed homojn kiuj ŝatis aĉeti ilin, ni nur pludirektis al la libroservo. Iam venis ĉina ĵurnalistino por fari demandojn.

Vespere mi ĉeestis parton de koncerto de la bando Chanajki Klezmer. Post la koncerto okazis Fajro-Teatro, spektaklo en kiu geknaboj ludas diversmaniere kun fajro. Mi opinias tian spektaklon vere amuza por la rigardantoj, sed ankaŭ vere danĝera por la ludantoj.

Nokte – ekde la 22-a horo -- estis junulara programero. Okazis repa koncerto. Mi ne estas ŝatanto de repa muziko sed kelkfoje mi aŭskultas ĝin. Komence mi ĝuis la vesperon. Tamen poste neniu muzikisto plu estis sur la scenejo. Mi ne scias ĉu ili laciĝis. Homoj daŭre laŭvole trinkadis, drinkadis kaj dancadis per muziko ludata de komputilo. Finfine eĉ la komputila muziko ne plu estis.

Son-teknikistoj videble teknikumadis sed sen rezultoj. Mi aŭdis iujn demandinte, ĉu iu havas KD-on kun muziko. Ni iom atendis, sed finfine nenio okazis, do mi devis iri al mia dormejo. Kia junulara vespero!



*esperantistoj el Nederlando kaj Sudafriko*

MERKREDO 29 JULIO

Merkredo estis libera tago. Preskaŭ nenio estis sur la programo kaj servoj ne funkciis en la kongresejo. Homoj havis tutan tagon por travagi la stratojn de Bjalistoko. Mi ankaŭ promenadis dum la tuta tago kun tanzania knabo kiu loĝas en Bydgoszcz sed estis ferianta en Bjalistoko. Ni vizitis kelkajn vidindaĵojn en la urbo Bjalistoko laŭ proponita plano. Kompreneble ne eblas ĉion vidi kaj tial oni devis elekti kien iri. Mapoj enhavis detalojn sufiĉajn kaj klarajn. Inter aliaj lokoj, ni vizitis kelkajn preĝejojn, la Universitaton de Bjalistoko, Zamenhof-Centron, la urban placon, la [nuntempan] naskiĝ-domon de Zamenhof, urban ĝardenon kaj la monumenton de Zamenhof.

Trairante la stratojn en Bjalistoko oni trovadis flagetojn triope starigitajn sur fostoj preskaŭ en ĉiu angulo de la urbocentro. La flagoj estis tiuj de Pollando, de Bjalistoko (ruĝa-flava-blanka) kaj de Esperanto.

La moderna naskiĝ-domo de Zamenhof estas sur la strato Zamenhof. Tiu domo troviĝas sur la loko kie troviĝis la domo en kiu naskiĝis Zamenhof. Sur muro de la domo estas pentraĵoj kiuj aspektas kiel vivantaj infanoj supre, Zamenhof mem meze kaj Szapiro kun amiko sube, ĉiuj sur balkonoj. Plaĉas al mi tiuj bildoj.

ĴAŬDO 30 JULIO

Mi pasigis la tutan antaŭ-tagmezon ĉe nia budo.

Posttagmeze mi partoprenis busekskurson kun EsperantoTur. Ni vizitis vilaĝojn ĉe la pola landlimo. Ni eniris katolikan preĝejon ĉe kies enirejo troviĝis flagoj kaj latinaj skriboj sur la pordo. Iom poste ni vidis grandan grupon de piedirantoj kun sakoj kaj diversaj bagaĝetoj, marŝantaj rapide kvazaŭ ili fuĝas militon. Ili trapasis nin svingante manojn. Montriĝis ke ili estas pilgrimantoj. Ili piediros 14 tagojn por atingi iun katolikan preĝejon en Czenstochowa, urbo en Pollando. Mi scias nenion pri la sankteco de tiu loko.

Mia hispana samĉambrano antaŭe donis al mi invitilon por la invito renkonti la urbestron vespere en la urbodomo. Bedaŭrinde ni revenis malfrue el la busekskurso kaj ne eblis iri al la urbodomo.

La saman vesperon okazis 2 koncertoj: unuflanke en kongreseja dancejo ludis la brazila grupo Super Nova kaj aliflanke en [iom fora] urba ĝardeno estis ludanta Jomo.

VENDREDO 31 JULIO

Matene mi deĵoris kun Jean ĉe nia budo. Je la 10-a horo venis gesinjoroj Bakker dum jam foriris Jean. Ili proponis anstataŭi min ĝis la 11-a horo kiam ili partoprenos iun programeron. La propono montriĝis interesa. Tiel mi akiris tutan liberan horon dum Hans deĵoris en nia budo. Je la konsentita tempo mi revenis al la budo.

Refoje venis gesinjoroj Bakker tagmeze kaj jam estis Jean. Tiam proponis Ans, ĉu mi ŝatus partopreni oratoran konkurson baldaŭ. Mi komence hezitis sed kun kuraĝigo mi poste decidis provi. Restis nur malpli ol 30 minutoj por prepari sin. Tiel mi partoprenis la konkurson. Mi ricevis la duan premion. Post la konkurso mi reiris al la budo nia.

Vespere mi ĉeestis koncerton de Jomo en la granda halo. Estis ege bona kaj danciga koncerto. Preskaŭ ĉiuj homoj en la halo estis dancantaj, virinoj kaj viroj, maljunuloj kaj junuloj. Oni facile konstatas la grandan popularecon de tiu muzikisto.

Nokte okazis refoje junulara vespero kun ĵaz-koncerto. Ĉi-foje ĉio estis pli serioza. Mi ĉeestis, ĝuis la talentojn de muzikistoj kaj babiladis kun homoj. Tamen noktomeze mi nepre devis forlasi kaj iri al mia ĉambro, ĉar necesis ekpaki mian bagaĝon por la morgaŭa vojaĝo.




*malferma kunsido*

SABATO 01 AŬGUSTO

Finfine venis la tago por disiĝi. Mi iris en la grandan halon por ĉeesti la solenan fermo-ceremonion. Ĝi okazis ekde la 10-a horo ĝis tagmezo. Inter aliaj okazintaĵoj, oni citis dankojn, legis oficialajn leterojn, faris anoncojn, ktp, kaj citis okazintajn konkursojn kun la nomoj de kelkaj gajnintoj. Kiam oni citis mian nomon mi devis iri sur la podion por preni mian premion: la libron “Vojaĝo en Esperanto-Lando” aŭtoritan de Boris Kolker. Tagmeze mi iris al la stacidomo kaj tiel foriris el Bjalistoko.

Joseph Bicingini Apasa, al. Politechniki 11,
PL-90-924 Lodz, Pollando. <[jb.apasa@gmail.com]>.
(Teksto prilaborita de la redakcio)

## KELKAJ ALDONOJ:

(1) Joseph aĉetis T-ĉemizon kun la bildo de i.a. Che Guevara. Eble el malagrablaj memoroj pro la komunista periodo kelkaj poloj agis malamike al la UK, kaj ankaŭ ĉi tiu ĉemizo eble instigis tion.
Oni ĵetis ŝtonon al la amasloĝejo kaj al la tendo antaŭ la kongresejo. Pro tujaj aktivaj reagoj de la organizantoj la publiko ne rimarkis tion.
(2) Esperantistoj el Afriko ne ricevis vizon por eniri Pollandon. Nur tiuj, kiuj jam antaŭe estis en Pollando, kiel Joseph, povis ĉeesti la UK-on.

## SUKCESA DEBUTO DE LA NOVTIPAJ EKZAMENOJ EN BJALISTOKO

Dum la UK en Bjalistoko okazis unuafoje Esperanto-ekzamenoj laŭ la nova ekzamensistemo de UEA, konforma al la Eŭropa Referenckadro.

Pli frue jam kvardeko da esperantistoj ricevis diplomon laŭ tiu sistemo de la Konsilio de Eŭropo, kies Esperanto-version oficiale UEA sola prezentas pere de sia kontrakto kun la Lingvo-ekzamena Centro (ITK) de la prestiĝa universitato Eötvös Loránd en Budapeŝto. En Bjalistoko ekzameniĝis je tri niveloj entute 47 personoj el 20 landoj.

## VINILKOSMO RICEVIS LA PREMION ONISABURO DEGUĈI 2009



*Jeanne-marie Cash transdonis la diplomon Onisaburo Deguĉi 2009 al Flo (Floréal Martorell) Vinilkosmo/EUROKKA kaj kunlaboranto Rikardo Cash en Tuluzo post reveno de UK en Bjalistoko la 21an /08/2009. Fotis Frederiko Cash*

Okaze de la UK Vinilkosmo ricevis la Premion Onisaburo Deguchi 2009, ankaŭ nomatan "esperantista pacpremio", ĉar ĝin oni donas pro agado, kiu antaŭenigas internacian amikecon kaj pacon. Vinilkosmo kontribuas al tio per muzikaj rimedoj.

La premio konsistas el diplomo, kiun transprenis en Bjalistoko Jeanne-Marie Cash. Krome, la premio konsistas el la sumo de 2000 eŭroj, kiujn Vinilkosmo dediĉos por financi kaj novan projekton de albumo de Esperanto-artisto kaj, tra EUROKKA, por financi esperanto-artistan programadon kadre de turneo aŭ kultura aranĝo aŭ festivalo en la venontaj monatoj.

La teamo de Vinilkosmo / EUROKKA dankegas la UEA-estraron pro la premio.

Floreal Martorell (Flo),
Respondeculo de Vinilkosmo kaj EUROKKA

PS : aliaj fotoj videblas en la blogo ĉe <http://vinilkosmo.ipernity.com>.

## SOEST KAJ ĈIRKAŬAĴO

Nia membro H. Oortwijn transloĝiĝiis de Breda al Soest kaj scivolas ĉu tie aŭ apud Amersfoort estas esperantistoj kiuj ŝatas kontakton. H. Oortwijn, Wilgenblik 60, 3761 ZG Soest. Tel. 035- 588 15 60.

## INAŬGURO DE ZAMENHOFMONUMENTO

Herzberg - la Esperanto-urbo, Germanio.

Multaj esperantistoj plendis, ke en la Esperanto-urbo ankoraŭ ne ekzistas Zamenhof-monumento. Nun ilia sonĝo realiĝos - ĝuste okaze de la grava jubileo-dato. La urboadministracio kaj la urbestro volonte konsentis kaj ni kuraĝe mendis la monumenton.

Sur ĉ. 1-metra ŝtuparo (kun fundamento) estos granda nigra marmorŝtono (postamento), sur kiu staros la 0,85 metron alta Zamenhof-busto el blanka marmoro. Ni preparos grandan inaŭguran ceremonion je la 15-a de decembro 2009 en la Esperanto-urbo.

FINANCADO de la Zamenhof-monumento

Ni preparis belan "Zamenhof-briketon" je valoro de EUR 50. La unuaj 15 personoj jam akiris la belaspektan ZAMENHOF-BRIKETON, por subteni daŭripovan memorejon kaj instigilon por la Esperanto-movado.

De la 11-a ĝis la 15-a decembro okazos Speciala Studsesio pri la temo Zamenhof. Detalan programon ni sendos al vi (rete, poŝte aŭ sur nia hejmpaĝo).

Petro Zilvar,
Zsofia Korody,
Harald Mantz,
Harald Schicke

P.S.
Aliajn Esperanto-monumentojn promesis kaj planadas entreprenisto Michel Basso el Francio por nia urbo mem.
Multaj homoj el ĉiuj kontinentoj sendis kaj sendas interesajn ŝtonojn, ceramikaĵojn por la ornamado de la eksteraj betonkrustoj.
DE-37412 Herzberg/Harz, la Esperanto-urbo
Grubenhagenstr. 6,
Tel: +49/(0)5521-5983
<http://www.herzberg.de>,
<http://ic-herzberg.de > (kun fotoalbumo)

## EL MADAGASKARO



S-ro Désiré Rabevazaha estas Esperanto-instruisto en universitato kaj gimnazioj, fondinto de Centre International d'Espéranto (CIE), Fakdelegito de UEA pri instruado de Esperanto, komerco, turismo.

Liaj malbonaj vivkondiĉoj ne ebligas fari multon en evoluantaj landoj. Pro tio, por helpi sian agadon, li proponas siajn verkojn kaj invitas vin aĉeti ilin:

"Kono pri Madagaskaro" en Esperanto: 30 eŭroj
"Communauté Internationale Espérantiste" en franca lingvo: EUR 18. Sendokostoj aviadilaj estas inkluzivaj.
Kiel sendi monon? Al konto ĉe UEA: "rabv-y".
Informoj: <desire_rabevazaha @ yahoo.fr >

## AMSTERDAM, ZAMENHOFSTRAAT

Zamenhofstrato estas kvazaŭ kampara vojo en la norda kvartalo de Amsterdam. Unuflanke estas pitoreskaj vilaĝaj dometoj kaj artistaj metiejoj. Aliflanke estas densa verdaĵo de hobioĝardenoj. La strato kondukas al arbareto, kie aŭtomobiloj estas tabuaj.



En somervarmaj sabato kaj dimanĉo, la 26-a kaj 27-a de septembro la tieaj artistoj kaj etvendistoj invitis samkvartalanojn al "Publikaj tagoj". Multaj venis; estis etoso de najbarumado. Esperanto Nederland, pro propono de Joke Hoobroeckx, rajtis partopreni en tiu zamenhofa bazaro. Ŝi preparis tablegon kun libroj, demonstraciaj afiŝoj, lingvaj ludiloj ktp. Kiel ĉiam ankaŭ ĉi/foje Ineke Emmelkamp sindediĉe partoprenis la preparojn, prizorgis kroman informmaterialon, kaj eĉ alportis ĝin el Groningen. Ankaŭ aliaj aktivaj esperantistoj, precipe el Nordholando venis por helpi. Ne vane. Multaj vizitantoj bezonis klarigon "Kiu estis Zamenhof?", "Kio estas Esperanto?"

Eĉ nia prezidanto Gerrit Berveling venis el la malproksima Zwolle.

Li kontribuis ankaŭ alimaniere: la nun mortinta poeto Simon Vinkenoog, kies patro estis esperantisto, havis sian hobiĝardeneton ĉe Zamenhofstrato. Pri la tiea paradizeto li verkis poemon, kiun Gerrit Berveling tradukis en belan Esperanton por la nuna okazo. La folio disdoniĝis rapide kaj multaj miris pri tiu kurioza poemo de kurioza verkisto en kurioza lingvo.



Apud la tablo de ESPERANTO NEDERLAND samgranda tablo de "Een school in Togo" montris fotojn de Instituto Zamenhof en Togolando. Tiel ĝi gastloĝis almenaŭ bilde en Zamenhofstrato. Ankaŭ tiu tablo altiris multajn preterpasantojn.

Estis sukcesaj tagoj!

hb

---

***ODE AAN BUITENZORG***

*Zoveel heerlijke levens wij leiden!*
*Dit is er een van.*
*Een van mijn levende rollenspelen:*
*tuinkabouter met zijn grappen en grollen*
*en toch de handen uit de mouwen,*
*voeten in de aarde en bergen verzetten.*

*O Buitenzorg, Tuindorp,*
*klein stukje aarde en grond,*
*deel van de werkelijkheid:*
*geëerd, bedankt, gebenedijd!*

*Vruchtbaar en gezond,*
*door echte mensen bevolkt,*
*jong en oud, nieuw en vertrouwd,*
*in een wereld vermaledijd*
*vol spijt en nijd, angst*
*en gespletenheid…*

*Als ik hier het hek*
*achter mij sluit*
*wordt alles weer*

*wat het altijd is:*
*een wonderschoon*
*gelegenheidsgedicht*

***ODO PRI BUITENZORG*** (1)

*Kiom da grandiozaj vivoj ni vivas!*
*Jen unu el ili.*
*Unu el miaj vivaj rolludoj:*
*ĝardenkoboldo kun ŝercoj burleskaj,*
*kaj tamen elmanikigi la manojn,*
*piedojn engrunden kaj movi la montojn.*

*Ho Buitenzorg, Ĝardenvilaĝo,*
*peceto da tero kaj grundo,*
*parto de la realo:*
*honorata, dankata, benata!*

*Fekunda kaj sana,*
*loĝata de veraj homoj,*
*junaj kaj oldaj, novaj kaj familiaraj,*
*en mondo malbenita,*
*plena je mav' kaj malico, timo*
*kaj disduiteco…*

*Se ĉi tie la kradon*
*post mi mi fermos,*
*Ĉio ree fariĝos*

*kio daŭre ĝi estis:*
*grandioze bela*
*porokaza poemo.*

---

Trad. Gerrit Berveling
(1) Buitenzorg = senzorgec'.
Fotoj: Joke Hoobroeckx.

Gedicht van Simon Vinkenoog uit: AM*DAM MADMASTER,
Uitg Passage, Groningen 2008, pag 103.
(uitgave ter gelegenheid van Simon's 80-e verjaardag)

